


2.ª Ep. AÑO V N.º 28 (164)
NOVIEMBRE-DICIEMBRE 1967

DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# MADRID KONGRESURBO POR LA 53.ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Pordo de Alcalá

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Str. Torre Nueva, 30, 1.° ZARAGOZA

Redacción y Administración:

Secretaría: Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.

Director: Domingo Martínez Benavente

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.°
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.°
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.

Ĉekkonto: n.° 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 100 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F., escepte en okazo de oficiala komuniko; do pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## De secretaría

La organización del 53 Congreso Universal de Esperanto que ha de celebrarse en Madrid el próximo año, hace que la mayor parte del tiempo la pase en Madrid, por lo que ha habido que reorganizar el trabajo en Secretaría; así, pues, el próximo año 1968, el número de BOLETIN que se envíe contra reembolso a los que todavía no hubieran abonado su cotización, será el correspondiente a los meses de marzo-abril, para evitar trabajo en los meses inmediatos a la celebración del Congreso, agradeciendo a todos los que abonen con anterioridad a esos meses su cotización el que en este año aligeren de ese modo el trabajo en Secretaría.

La última relación de donativos recibidos para BOLETIN durante 1967, aparecerá en el próximo número. Lo advierto para que no extrañe a los amables donantes el no verla publicada como es costumbre en el último número del año.

**Las cotizaciones para el 53 CONGRESO UNIVERSAL DE ESPERANTO, siguen siendo las mismas que fijaron en principio y que figuran en los aliĝiloj repartidos con nuestro anterior número de BOLETIN**

Antaŭ la neebleco sendi salutojn okaze de Kristnasko kaj Novjaro al ĉiuj karaj geamikoj, landaj kaj eksterlandaj, mi sendas al ili pere de BOLETIN la esprimon de mia sincera amikeco kun plej koraj bondeziroj.

Por ĉiuj FELIĈAN KRISTNASKON KAJ PROSPERAN NOVAN JARON!!!

Ĝis revido en Madrid!!!

*Inés Gastón*



MENDU JAM

Plurkolorajn, belajn kristnaskajn kartojn laŭ jenaj formatoj:

| | |
|---|---|
| Poŝtkarta formato | 2,— ptojn. |
| Falda formato | 2,50 » |
| Poŝtkarto kun Esperanto-alegorio, deko | 6,— » |
| Plurkolorajn bildkartojn de «Nia Sinjorino de la Espero», unu ekzemplero | 3,— » |
| Belajn glumarkojn de la 53ª U. K., folio 10 glm. | 8,— » |

# MADRID

Jen Madrido, ĉefurbo de Hispanujo. Ĝi ne estas tro granda sed estas vizitinda, ĝi meritas esti konata. Madrido havas historion kaj iberian gracion. La reĝo Filipo la III[a] naskiĝis en Madrido, kaj ĝin faris definitive ĉefurbon de Hispanujo en 1606.

Tiam, D. Quijote jam iris tra la mondo. Ĝuste unu jaro antaŭ estis aperinta ĝia unua eldono, eldonita de Juan de la Cuesta, kies presejo estis en la madridana strato «Atocha».

Madrido havas sian malgrandan riveron, la «Manzanares», kiu havas malmulte da akvo kaj grandajn historiajn pontojn, kaj pri kiu oni verkis multe da literaturo.

Ĉiuj ŝoseoj kiuj disradias al la landa periferio havas ilian «kilometron nulo» en «Puerta del Sol». Tie ankaŭ troviĝas la horloĝo kiu sonigas la horon de la Madrida meridiano al la tuta Hispanujo. Ĝi estas placo kies medio estas ege popolara, kaj ĝi estas nodo de ĉiuj subteraj urbaj komunikiloj.

La naturo multe favoris al Madrido, ni dirus ke ĝi estas privilegia urbo. Super ĉio farita de la homoj, ekde la Mezepoko, ĉi tie superregas la fizikaj faktoroj (geologiaj kaj metereologiaj), kiuj influas en ĝia klimato; tereno, ĉielo, akvo kaj aero. Madrido situas en paralelo 40 (plataltaĵo de la Nova Kastilio), okupas la geografian centron de la Iberia Duoninsulo; 650 mtj sur la marnivelo. Pri la ĉielo sufiĉas diri ke ĝiaj helaj bluaj nuancoj, universale famigis al la plej bona pentristo el ĉiuj tempoj: D. Diego de Silva kaj Velázquez. De tiam oni nomas «velaz-



«Puerta del Sol»



## Diruloj kaj aguloj

*Delfí DALMAU*

Aristokrate, solene, alte estas la parololoj kaj la pensuloj la artistoj de la parolo kaj de la penso, ekzemple Vázquez de Mella kaj Balmes.

Demokrate, silente estas la diruloj kaj la aguloj. La dirulo ĉiam rakontas projektojn kaj eksteordinarajn okazojn. Plej malgranda propono aŭ okazaĵo ĉe li estas granda projekto aŭ gravaĵo. La tempon li pasigas grandige rakonti malgravaĵojn. Kompreneble tiel li ne havas tempon fari ion gravan. Sed ĉion li diras grava. Ju pli li diras, des malpli li agas.

La agulo ne havas tempon diri siajn agojn. Ju pli li agas, des maspli li diras. Li vivas por agi kaj agas por vivi. La agulo kredas je la merito. La dirulo kredas je la ŝanco.

 PREMIO "COMELLA - BASSOLS" 9.ª Konkurso 

*Verdikto*

La Juĝantaro por la Premio «Comella-Bassols» havas la honoron publiki ke la esperanta rakonto, AVINJO, gajnis la ĉi jaran Konkurson pro la plej alta atingita voĉdonado.

Rezultis aŭtoro la Profesorino Clelia Conterno, el Torino (Italio).

Ni gratulas ŝin sincere kaj esprimas nian koran dankon al ĉiuj partoprenintoj pro ilia nobla kontribuo al la sukceso de nia Esperanto-Premio.

Amalia Núñez Dubús, Lluis Mimó, N. Machperson kaj Francesco Vilá, Sekretario.

Aŭtuno, 1967.

queño» la belan ĉielon de Madrido. La akvo —montara— estas abunda kaj bonega. La montsuproj kaj pinarbaroj de la Guadarrama donas al la aero specialan oksigenon; en Madrido la aero odoras al pino kaj al cisto.

Dum la lastaj jarkvinoj multe pligrandiĝis Madrido. Ĝi jam estas urbo de pli ol tri milionoj da enloĝantoj kaj kies amplekso estas 513 Km-2.

Ĝi enhavas multajn antikvajn vidindaĵojn de granda historia emocio kaj kelkajn modernajn de ne dubebla valoro.

Unue ni devas koni la malsamajn Madridojn. (La pluralo ne estas lingva kaprico, ĝi estas realaĵo.)

Estas unu Madrido de la Aŭstriaj dinastioj aŭ de la Filipoj, alia de la Borbon dinastioj aŭ de la Karoloj. La «goyesca» Madrido, tiu de la Muzeo «Prado». La romantika Madrido, la «isabelino»... tiu de la romanoj de Galdós... Estas ankaŭ la pitoreska Madrido de la «Rastro», de la toreadoroj, la «bailaores de flamenco», la antikvaĵvendistoj kaj la artistoj. Kaj aliaj Madridoj. Ni klopodos konigi al vi ĉiujn, sed por ilin koni estas pli bone viziti Madridon ol legi pri Madrido.

# 9.ª BARCELONO-PROVINCA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

La 8an de oktobro en Ripollet, urbo el la ĉirkaŭaĵo de Barcelono, okazis la 9ª Barcelono-Provinca Esperantista Renkontiĝo, kiun ĉeestis proksimume 150 gesamideanoj.

En bela tago sennuba kaj varmeta komencis la festo per Meso en la Preĝejo Sankta Stefano kiun celebris Patro M. Casanoves. En ĝi oni esperante legis la Epistolon de Paŭlo al la Efesanoj, kaj post la legado Patro Casanoves komencis sian esperantan predikon salutante la geesperantistojn, kiuj en tiu tago renkontiĝis en Ripollet. Sekve li rememoras pri la Patroj Josep Planes kaj Joaquim Coll, kiuj en Ripollet ĉirkaŭ la deka jaro de nia jarcento estis la aktivaj animoj de la grupo Esperanto Nesto. Patro Casanoves rakontis pri la granda oferado de Patro Josep Planes por Esperanto, ĉar krom profesoro pri Esperanto ĉe la Universitato de Barcelono li aktive partoprenis en la granda florado de la tiama esperantismo. Tiam antaŭ la unua tutmonda milito en nia provinco estis svarmo da esperantistaj grupoj, sed pro diversaj kialoj ili forvelkis. Tamen oni devas kompreni, ke nun Esperanto estas pli aktuala ol tiam, pli aktuala ol iam ajn en la pasinteco. Baldaŭ okazos en Madrido la Universala Kongreso kaj ni devas tiel entuziasmiĝi kiel en tia epoko.

Patro Casanoves finis sian predikon rememorante vortojn de Sankta Paŭlo kaj asertante, ke ni esperantistoj ne batalas kontraŭ homoj. «Ni malamas ĉiujn militojn; ni devas ami ĉiujn homojn, ĉar ĉiuj homoj estas niaj fratoj. Ni celas kontraŭ la malvero, kontraŭ la mallumo, kontraŭ la maljusteco. Nia agado estas tute spirita».

Post la Meso ni kolektive iradis al la strato, kiun destinis por esti nomata Zamenhof. Ĝi estas nova strato kun konstruitaj modernaj domoj nur ĉe unu flanko.

Antaŭ la ankoraŭ kovrita tabulo staris aŭtoritatuloj de Ripollet kaj gravaj samideanoj.

S-ro. Josep Vall, veterana samideano el Ripollet, unue ekparolis kaj prezentis la okazaĵon kaj ties disvolviĝo ĝis la nuna koncerna solenaĵo.

Sekve S-ro. Enrique Taché, urbkonsilanto de Ripollet, en la nomo de la urbestraro reliefigis la kaŭzojn pro kio ili dediĉas la nomon de Zamenhof al unu el la stratoj de sia urbo. En tiu momento la urbestro de Ripollet S-ro. Alberto Dausá malkovris la marmoran tabulon, kiu tekstas jene: «Calle del doctor Zamenhof. 1859-1917. Ripollet al autor de la Lengua Internacional Esperanto».

Post la parolo de kelkaj samideanoj, kiuj petis, ke en Ripollet ankaŭ estu nomata strato per la nomo de Patro Josep Planes, la esperantistoj dankis la aŭtoritatulojn kaj la tutan ĉeestantaron. Kaj oni finis la inaŭguron per la kanto de la Espero.

Jam tagmeze alvenis la frata kunmanĝado en restoracio.

Ĉe la fino de la manĝado elstara portugala samideano Manuel Firmo «inter la glaciaĵo kaj la kafo» regalis nin per rakontado de travivaĵo lia en la Altebenaĵo de Centra Afriko kie li longtempe loĝis. Menciinte la babelan ĥaoson de Afriko li rakontis pri la afrika moro de la Danco de la Tamtamo. Tiu tre daŭra danco komencas malrapide laŭ la takto de tam... tam, sed poste tiu tam, tam... tam, tam... oni akcelas ĝis surdiga kaj senhalta tamburado, kiu ebriigas kaj erotikekscitas la ŝvitantajn dancantojn en freneziĝon. Danco de la Tamtamo nur iafoje interrompita per la akra kaj raŭka bleko de leono eliranta el la apuda ĝangalo.

Post la «kafo» S-ro. Enrique Taché, urbkonsilanto de Ripollet, kiu sidis ĉe la Prezidatablo diris: «Debo hacer resaltar la bondad que reina entre ustedes. Creo que el Esperanto debe progresar para que los pueblos mejor se entiendan.»

Nia poeto Francisko Vilá deklamis originalan poemon laŭdante la Majstron.

S-ro. Hernández Izal invitis ĉiujn al la 10ª Barcelon-Provinca Esperantista Renkontiĝo, kiu okazos la proksiman printempon en lia urbeto San Pablo de Ordal, kie krom la nomigo de strato Zamenhof ankaŭ oni inaŭguros Muzeon de Esperanto.

S-ro. Molera invite petas ĉiujn ĉeesti la venontan 10-an. Renkontiĝon kaj speciale ankaŭ la Universalan Kongreson en Madrido.

S-ro. Aragaj en la nomo de H.E.J.S. sciigas nin, ke la lastan semajnon de julio, antaŭ ol ĉeesti la Kongreson de Madrido, okazos Internacia Junulara Kongreso de T.E.J.O. en Taragono de kie oni ekskursos al Monistrol de Montserrat por inaŭguri la Esperantistan Restadejon.

Kaj post la parolo de ĉiuj, sukcese kaj frate finiĝis la 9a. Renkontiĝo kaj... Ĝis revido en San Pablo de Ordal kaj MADRIDO.

*G. M.*

---

PALACO DE SINDIKATOJ

KONGRESEJO POR LA 53ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Ĝi estas lokita en P.º de l' Prado en la centro de la urbo kontraŭ Muzeo «Prado»

---

# Final de Curso de Esperanto



El día 21 de junio tuvo lugar la última lección del curso de Esperanto que en el Colegio de la Inmaculada Concepción —dependiente de la O. N. C. E.— en Madrid, explicó don Angel Figuerola Auque.

Esta última lección corrió a cargo del Presidente de la Federación Española de Esperanto, Excmo. Sr. D. Miguel Sancho Izquierdo, quien explicó una completa lección de esperantismo, haciendo ver a los alumnos lo que el Esperanto es, no sólo como idioma, sino como mensaje de paz, dada la idea interna que en sí encarna.

Al final de su disertación, el Dr. Sancho Izquierdo repartió entre los alumnos insignias y vocabularios de Esperanto, obsequio de Hispana Esperanto Aŭroro.

Todos los asistentes agradecieron al Dr. Sancho Izquierdo su intervención, por medio de calurosos aplausos.



Feriejo de la Ligo de Nordrhejnaj Blinduloj en Rheinbreitbach

# FERIA RENKONTIĜO KAJ INTERNACIA FERIA SEMINARIO DE BLINDAJ ESPERANTISTOJ

En alloga konstruaĵo situanta en tre bela loko, 18 Kmj de Bonn la blindaj esperantistoj okazigis Internacian Ferian Seminarion, pri la ĝenerala temo «La homo en la internacia vivo».

Jaro post jaro la blindaj esperantistoj kunvenas internacie dum la Universala Kongreso, ĉijare pro la malproksimeco de Tel Aviv, rilate la eŭropajn landojn, ili pretigis ilian kunvenon en Germanujo.

Diverslandaj esperantistoj prelegis pri la ĝenerala temo kaj espereble la laboro de niaj samideanoj estos fruktodona.

Oni malfermis la kunsidojn de la Seminario per saluto de la Prezidanto de U. E. A. Prof. D-ro. Ivo Lapenna.

Kiel hispana reprezentanto partoprenis la Seminarion, la Prezidanto de Hispana Esperanto Aŭroro, S-ro. Angel Figuerola, kiu afable informis al ni pri la evento kaj sendis la Rezolucion por informo al la hispanaj esperantistoj. Nia vigla samideano traslokiĝis de Rheinbreitbach al Rotterdam por partopreni la kunvenon de L. K. K. por la 53ª Universala Kongreso, okazinta en Nederlando, kaj reiris al Germanujo por ankaŭ partopreni la Ferman Kunsidon de la Seminario, dum kiu li invitis al ĉiuj ĉeestantoj kaj ĝenerale al la blindaj esperantistoj, partopreni la 53-an Universalan Kongreson de Esperanto, kaj la 36-an Internacian Kongreson de Blindaj Esperantistoj okazontaj en Madrid venontjare. Li distribuis inter la ĉeestantoj la turismajn broŝurojn Hispanio por vi kaj Taragono, kaj invitilojn de la Prezidanto de Hispana Esperanto Federacio, Prof. D-ro. Sancho-Izquierdo, por veni al Hispanujo. Ĉio estis akceptita kun granda intereso.

## REZOLUCIO

La partoprenintoj de la feria renkontiĝo kaj internacia feria seminario de blindaj esperantistoj —87 personoj el 15 landoj (Anglujo, Aŭstrujo, Belgujo,

Ĉeĥoslovakio, Danlando, Finnlando, Francujo, Germanujo, Hispanujo, Hungarujo, Italujo, Nederlando, Norvegujo, Svedujo kaj Svislando).

1. Dankas al la Honora Protektinto de la Renkontiĝo-seminario, S-ro. D-ro. Alfons Gottwald, sekretarianta prezidanto de Germana Federacio de Blinduloj; al Blindulunuiĝo Nordrejno, reprezentita de S-roj. Keil kaj Bargon, kaj al ĉiuj aliaj germanaj blindulorganizaĵoj, pro iliaj morala kaj financa helpoj al la bonsukceso de la dusemajna restado, de la 31-a julio, ĝis la 12-a aŭgusto, 1967, en la bela blindula feriejo Rheinbreitbach.

2. En aro da prelegoj konstatis la gravecon de la homo mem, t. e. de la individuo, en ĉiuj trajtoj de la internacia vivo.

3. Estas pretaj helpi en kampanjoj por savi homojn el la sorto de la blindeco, se ili ne estas neeviteble blindaj, ekzemple en Afriko.

4. Konstatas ke en ĉiuj Humanismaj atingaĵoj de la homaro ankaŭ blindaj verkistoj kaj sciencistoj ludis kaj ludas rolon sufiĉe rimarkindan.

5. Petas Eŭropan Regionan Komitaton de Tutmonda Konsilantaro por Bono de la Blinduloj.

a) Estontece sendi oficialan delegiton al blindul-esperantistaj internaciaj kongresoj, kiel jam faras tion la nordlanda kunlabora komitato, kaj instigi la naciajn blindulunuiĝojn, fari same.

b) Influi en internaciaj televidaj korporacioj pri starigo de informaj programoj pri blinduloj, montreblaj pere de Eŭrovizio kaj Intervizio.

c) Sur taŭgaj vojoj klopodi ke Universala Poŝta Unuiĝo rekomendu pli taŭgan solvon ol tiu de la ĵus fiksita termino «Cekogramo».

d) Instigi la ekzistantajn tiflologiajn informajn kaj dokumentajn centrojn ke ili dediĉu specialan atenton al katalogigo de nigraprese aldonitaj verkoj de blindaj muzikkomponistoj, verkistoj kaj sciencistoj, taŭge koordinante kaj specialigante siajn laborojn.

En Rheinbreitbach, 11-an aŭgusto 1967.

*Breitembach, Komitatestro*

---

## Nuevos Cursos de Esperanto 1967-68

Como en años anteriores son varios los Grupos que han empezado nuevos cursos de Esperanto, a la vez que empezaba el nuevo Curso Académico.

### DEPARTAMENTO ESPERANTO DE CLUB AMIGOS DE UNESCO. Barcelona

En la sede social de este activo Grupo todos los miércoles y viernes a las ocho de la noche, hay clase de Esperanto,

Miércoles: Curso práctico elemental de Esperanto; Prof., D. Pedro Nuez.

Viernes: Curso de Gramática elemental de Esperanto; Prof., D. Martí Buscató.

### GRUPO ESPERANTISTA DE BILBAO

Después de una intensa y eficaz propaganda —todos pudimos verla por TV.—, el Grupo bilbaíno empezó sus clases de Esperanto, con gran asistencia de alumnos siendo profesor del Curso el señor Bringas. El día de la inauguración, tuvieron un acto en el que tanto el Presidente, señor Otaola, como el profesor, explicaron a los alumnos las características del Esperanto.

Este curso tiene lugar los lunes, miércoles y viernes, de 8 a 9 de la noche. Los martes y jueves se celebrarán las clases del Curso de prácticas, que dirige el señor Ronda.

## GRUPO DIAMANTO

Este Grupo de jóvenes, queriendo ampliar su radio de acción, ha empezado un Curso de Esperanto en el Colegio Ntra. Sra .de Sonsoles, Valle de Oro, 12, los lunes, miércoles y viernes, de 8,45 a 10 de la noche, siendo profesor del Curso don Angel Gansó.

## MADRIDA ESPERANTO FERVOJISTA ASOCIO

El Grupo de Ferroviarios madrileños, como en años anteriores, empezó un Curso de Esperanto para ferroviarios y familiares de los mismos, Curso que se ve muy concurrido. Prof., D. Jaime Miró.

---

El pasado día 2 de noviembre se inició un curso de Esperanto, en el Instituto Técnico de Enseñanza Media «Ntra. Sra. de la Almudena», calle Nicasio Gallego, núm. 19, de Madrid.

La duración del curso será la misma que la del presente curso académico 1967-1968. El grupo de alumnas está integrado por señoritas cuyas edades oscilan de los 14 a los 18 años y que siguen en dicho centro los estudios de Bachillerato Técnico, en su modalidad administrativa. Prof., don Manuel Figuerola Palomo.

## ESPERANTO GRUPO DE VALENCIA

Con gran asistencia de alumnos han empezado los cursos de Esperanto organizados por el Grupo Esperantista de Valencia en su sede social. Curso elemental: lunes, miércoles y viernes de 8 a 9 de la tarde, y Curso de perfeccionamiento: jueves y sábados, a la misma hora.

Profs.: don Rafael Herrero Arroyo y don Juan Devís Calpe.

## ESPERANTO GRUPO «FIDO KAJ ESPERO» VALLADOLID

El Grupo de Valladolid sigue con entusiasmo su intensa labor y por consiguiente, cada vez es más importante el movimiento esperantista en la provincia. En todo momento se ven ayudados por los medios informativos, Prensa y Radio.

El día 3 de noviembre, a las ocho de la noche, dio comienzo el Curso elemental de Esperanto, en su domicilio social, bajo la dirección del Vicepresidente del Grupo, don Antonio Gamboa.

Asimismo, todos los sábados a partir del día 4 de noviembre, bajo la dirección del socio señor Gil Contreras, tiene lugar un Curso de perfeccionamiento, al que pueden asistir los socios que lo deseen.

## ESPERANTO GRUPO VILLANUEVA Y GELTRU

También los esperantistas de Villanueva han reanudado sus actividades comenzando un nuevo curso de Esperanto en su sede social. Prof.: R. P. José María Claramunt, Sch. P.

## FRATECO ESPERANTA SOCIETO.—ZARAGOZA

En el Grupo Frateco, todos los jueves y sábados por la noche tienen Cursos de perfeccionamiento de Esperanto, y son muchos los miembros que se reúnen para practicar el idioma, ya que reina gran entusiasmo en poder ayudar y acompañar a los «samideanoj» que de otras naciones vengan a Madrid, para participar en el 53 Congreso Universal. Son numerosas las inscripciones de zaragozanos enviadas al Congreso.

# DOLĈA MORTO



Posttagmeze dum septembro. Maljunulo kun flikita vesto, malriĉe aspekta, sidas sur ŝtonbenko, ĉe la ĉirkaŭaĵoj de la vilaĝo. Li tenas bastonon sur kiun li apogas siajn manojn; lia kapo, plena da blankaj haroj, estas rekta kaj forta; liaj okuloj, fiksitaj en la horizonton, konservas viglan rigardon. Preterpasas junulo kun libro ĉe la mano kaj distriĝas por atente rigardi la maljunulon.

Avo.—Kion vi legas, sur ĉi tio?

Francisko.—Dio gardu vin, avo. Ĉu vi ĝuas la sunon aŭ la malvarmeton je ĉi tiuj horoj?

Avo.—Mi ĝuas tion kio pasas. Kaj vi, kion vi legas? Mi ĉiam vidas vin kun libraĉoj en la manoj. Ĉu vi eltiras ian profiton el tio?

Fr.—Plej proksiman jaron mi finos mian karieron. Antaŭ kvar jaroj mi komencis ĝin; kelkaj el miaj kamaradoj kiuj samtempe komencis, ankoraŭ bezonas tri aŭ kvar jarojn por fini ĝin.

Avo.—Mi vin ne demandas pri tio. Onidire vi studas ĉiujn aferojn por iam fariĝi saĝulo.

Fr.—Tio estas mia celo. Post medicino mi ekstudos leĝojn kaj poste lingvojn, naturajn sciencojn kaj filozofion.

Avo.—Kia kapturniga kunmetaĵo! Kaj tiam, ĉu vi estos pli feliĉa ol mi?

Fr.—Kiu scias! Eble ne tiom.

Avo.—Tioma studado kiel utilos al vi?

Fr.—La sciado ne havas limojn. Vi povas esti certa ke mi eltiros el ĝi mian profiton.

Avo.—Diru al mi, knabo: ĉu la libroj instruos vin pri la vivo?

Fr.—La libro estas unu afero kaj la vivo estas alia afero.

Avo.—Nu! Mi estas pli ol libro: mi instruos vin pri la vivo.

Fr.—Certe, avo. Vi estas pli ol libro. Tial mi pli preferas halti kaj konversacii kun vi ol antaŭeniri kun mia legado, ĉar vi estas vivanta libro.

Avo.—Vi parolas pli bone ol mi, sed vi ne tiom pravas.

Fr.—Mi ne kontraŭdiros vin.

Avo.—Tion vi diras al mi ĉar mi estas maljuna kaj vi scias, ke ni, la maljunuloj, ŝatas mempravecon; sed vi, en via fiera menso, kredas esti pli ol mi. Mi jam konas vin, la junulojn.

Fr.—Ne koleru, avo. Rakontu al mi pri la milito, pri travivaĵoj de via militiro.

Avo.—La milito! La milito! Vi, la junuloj, ne scias demandi pri aliaj aferoj. Vi scias ke mi faris dekjaran militiron kaj vi volas ke mi amuzu vin per miaj rememoraĵoj, ĉu ne vere?

Fr.—Vi ŝatas paroli pri milito.

Avo.—La milito ne estas la vivo, karuleto. Jam estas horo ke mi parolu al vi pri la vivo. Ju pli vi legas, des pli vi ignoras ĝin.

Fr.—Parolu al mi pri tio kion vi volas: ĉio kio eliras el via buŝo ja estas tre interesa.

*Avo.*—Vi jam ekaŭskultas kvazaŭ mi volus rakonti fabelon. Se mi volus elpensi militmensogojn, mi kortuŝus vin ĉi tie ĝis la juĝtago. Jen, kio ne plaĉas al mi, de vi; ĉiam atendas epizodon, batalon. La vivo estas alia afero, mia knabo.

Fr.—Hodiaŭ neniu dirus ke vi estas tiu soldato tiel brava de la Krimea milito.

Avo.—(Ekscitite, stariĝas kaj svingas sian bastonon enaeren, plej vigle). Neniu dirus, vi diras! Sentaŭgulo! Jen: zis, zas!, zis, zas! Okdekvarjarulo kaj ankoraŭ mi povus manlertuzi la sabron. Jen: zis, zas! (sin ĵetante sur la ŝtonbenkon, laca). Ridinda malfeliĉulo! Sed, kio estas tio? Ne, vi ne povas kompreni tion ĉi.

Fr.—Kio estas tio kion ni ne povas kompreni?

Avo.—Kompatindaj junuloj! Vi havas fajroplenan sangon en viaj vejnoj tutan vivon interne de via korpo, sed vi ne komprenas, vi ne komprenas la sencon de ĉio ĉi.

Fr.—Min mirigas via hodiaŭa petolemo, avo!

Avo.—Mi estas okdek-kvar jara kaj mi ankoraŭ dehakus ŝtonojn .. mi dehakus ilin se oni donus al mi laboron. Bona Dio! Oni ne volas doni ĝin al mi. La junuloj postvenas kaj antaŭeniras min. Se vi scius kiel mi abomenas la junulojn! Mi komprenas la vivon, sed ili ne. Ili kapfrapas la rokon ĝis ĝia fendiĝo, blinde, freneze, ne sciante ĉu preni... Kaj mi komprenas la aferojn, mi konas la fibron de la rokoj tra kie oni devas enigi la hakilon. Ho ve! Nun, homo komprenas, komprenas ĉion, kaj tio ja ne utilas al li. Ho! Ĉu vi vidas, homa haŭtmalplenaĵo, kio estas la vivo?

Fr.—Kial vi tiom plendas hodiaŭ, avo? Neniam mi vidis vin en tia stato.

Avo.—Ne, mi ne plendas: mi nur montras al vi kio estas la vivo. Ĉu per plendo mi gajnos ion? Mi trakuris la mondon, mi vidis multajn landojn, mi konis ĉiajn homojn: mi povas paroli al vi pri la vivo... Mi konas ĉion, mi scias ĉion, sed tio ne ja utilas al mi. Ĉu vi vidas ĉi tiun mian kruron? Kvazaŭ ĝi estus el ligno: ĝi lampaŝigas min, ĝi devigas min uzi bastonon. Jen tuta mia malsano. Plej proksiman vintron mi eniros en hospitalon kaj oni ne plu parolos pri mi; mi estos senigito, aĵo kiu ne plu taŭgas por io. Kiam homo eniras en hospitalon aŭ azilon, tio estas kvazaŭ li eniras en tombon. Oni ne plu parolas pri li, la vivo ekstere daŭras, sed li restas inter kvar muroj, malproksima el memoroj de la aliaj. Kaj pro tio mi, dum tiom da fojoj, defendis mian haŭton?

Fr.—Sed, kion fari, se tia estis via sorto?

Avo.—Ne, ne diru tion al mi. Tia ne estis mia sorto. Diru ke la vivo min fortrenis en alian flankon. Kaj konstati, karulo, ke oni vidas klare, ekvidas klare, kiam oni malaperas!

Fr.—(Indiferente). Nu!

Avo.—(Kolerinte). Nu! Kion! Tio ne interesas vin, ĉu ne vere? Vi volus ke mi parolu al vi pri bataloj kie la homoj mortas je dekduoj. Malsaĝulo! Lasu tiun kiu sinmortigas. Pensu pri tiu kiu vivas, pri la homo kiu estas apud vi, via malamiko.

Fr.—Mia malamiko, ĉu mi aŭdis bone?

Avo.—Jes, knabo: ĉiuj homoj estas malamikoj sur la tero. Ni pasigas la tempon parolante pri amo por ke ni nin trompu. La amo! Ĝi estas kaptilo kaj ne mankas simplanimuloj kiuj falas sur ĝin; jen, esprimite ĉio. Ĉu vi iam aŭdis paroli pri stranga birdo kiu naskiĝas jam kun vosto? Same ĉe la homo: li naskiĝas por kompreni la vivon aŭ por ĉiam ignori ĝin. Tamen, mi volas doni al vi tri konsilojn: plenumu ilin kaj kiam paco al miaj cindroj vi eble benos min. «Tiu maljunulaĉo pravis», vi diros.

Fr.—Diru al mi la tri konsilojn.

Avo.—Tra ĉie kien vi iros kaj ĉion kion vi faros, volu esti la unua je ĉio, ne avidu virinon ĝis la edziĝotago kaj neniam enpensiĝu pri la misteroj de la morto kaj la vivo. Fiere vivu atendante la morton sen ĝia pripenso. Vi estas via Dio, vi estas via reĝo, la tuta mondo estas la patrujo. Serĉu la pacon kaj evitu la militon. Kaj kiel sin armi kontraŭ ĉiu alia? Vi naĝos sur tempesta maro dum longa nokto kaj kiam via cerbo klariĝos, la ondoj vin superkovros. Tio estas la vivo, karulo. (La voĉo de la avo tremraŭkiĝis. Kun dolora akcento li aldonas:) Kaj pensi, mia filo, ke ni neniam povos kontraŭbatali tion.

Fr.—Forpelu tiajn ideojn, avo. Paroli por paroli, estas pli bone paroli pri via militiro: rakontu al mi milittravivaĵojn.

Avo.—(Reviviĝinte, ĝojeme, vizaĝaliĝiinte pro la emocio de la rememoro). Ne, bona Dio! Mi pli preferas rakonti al vi aman aventuron.

Fr.—(Mirigite). Ĉu via?

Avo.—(Milde). Jes, mia.

Fr.—Nu! Parolu, se vi tion preferas.

AVO.—(Mallaute, preskau neaŭdeble). Car mi ankaŭ amis. Mi tre amis dum mia juneco. (Paŭzon).

FR.—(Interesiĝinte). Daŭrigu, avo.

AVO.—Dum la militiro, en malproksima lando, okazis, ke vizaĝbrunulino kun nigraj okuloj...

(Li apogas la kapon sur sian bruston kaj silentas).

FR.—Avo, kio estas al vi?

(La avo sopiras kaj mortas. Estas vivo kiu finiĝas sen agonio. La unua aŭtuna vento dolĉe traskuas la branĉojn de la arboj.)

FR.—(Terurigite, tuŝpuŝante la maljunulon). Avo! Avo! Respondu! Kion fari! Miriga situacio, Dio mia! Tiu ĉi bona viro mortis!

*Joan PUIG I. FERRETER*

*El kataluna lingvo tradukis*

*Josep Alberich-Jofré*



## SCIIGOJ EL EKSTERLANDO

### KOMUNIKO DE POLA RADIO

La Esperanto-Redakcio de la Pola Radio sendis al ni jenajn informojn:

De la 17-a de oktobro 1967, Pola Radio disaŭdigas sian programon en Esperanto per iom ŝanĝitaj ondolongoj: 25,09 m, 25,42 m, 25,59 m, 31,50 m, 41,99 m, 42,11 m, 50,25 m. Oni atentigas ke lastmomente estis aldonita la ondolongo 50,25 m kaj tial ĝi ne estas notita en la laste sendita programinformilo. La nomitaj ondolongoj validas ĝis aprilo 1968. La Esperanto programo de la Pola Radio estas disaŭdigata ĉiutage de la 16,30 ĝis la 17,00 h. laŭ la mezeŭropa tempo.

La aŭskultantoj estas petataj sendi siajn rimarkojn pri la aŭdebleco post la ŝanĝo de la ondolongoj kun substreko de la ondolongo, per kiu la aŭdebleco estas la plej bona. Tre bonvenaj estas ankaŭ ĉiuspecaj rimarkoj, sugestoj kaj proponoj pri la enhavo de la programo mem.

### FAKREVUO KUN INTERNACIA REPUTACIO ENKONDUKIS ESPERANTON

La germanlingva fakrevuo «Der Chemischereiniger und Färber», revuo pri purigado kaj tinkturado de teksaĵoj, teksaĵkemio kaj parencaj fakoj, ekuzis Esperanton por povi alparoli pli vastan legantaron. Depost la komenco de ĉi tiu jaro la fakartikoloj estas enkondukitaj per resumoj en Esperanto en tiu revuo. Fakuloj el la supre menciitaj fakoj kaj esperantistoj kiuj povas interesi tiajn fakulojn mendu la revuon ĉe:

«Der Chemischereiniger und Färber», Verlag Walther de Bouché.
Elisabethstr. 36, D-8000 MÜNCHEN-13 (Germanio).

La eldonejo korespondas esperantlingve.

### ASTRONOMIAJ INFORMOJ

Popola Astronomia Observatorio de la urbo Zilina (Ĉeĥoslovakujo), intencas regule eldonadi publikaĵon «Astronomiaj Informoj» kie oni informos pri la plej gravaj malkovroj rilate la astronomion, astronaŭtikon.

Santempe oni preparas ekzaktan astronomian esperantan terminologion. En la «Astronomiaj Informoj» la Popola Astronomia Observatorio volas publikigi laborojn de astronomio-amatoroj, kaj dum venontaj jaroj eldonadi, regulajn astronomiajn bultenojn. Tial la Popola Astronomia Observatorio de la urbo Zilina sin turnas je ĉiuj Esperanto-Asocioj kaj organizoj kun peto, ke estu alsendataj adresoj de astronomio-amatoroj esperantistoj, samkiel de astronomoj profesiuloj, kiuj uzas internacian lingvon Esperanto.

Ĉiuj adresojn bonvolu sendi al

Ludova Hvezdaren Nesta. Ziliny. Ĉeĥoslovakujo.

# PROGRAMOJ



JUNULARA

Gaje vivi; per la movo
nian taskon akceladi
kiel eble plej notite
eksterdome promenadi.
Bali, studi, kanti, ĝoji,
amikaron amasigi;
belajn revojn en kor havi
forpuŝante el l' animo
funebraĵojn kaj tristaĵojn.
En lernejo laborante
aŭ en universitato
aŭ en agro aŭ vendejo
magazen' aŭ metiejo
tenu ni en la memoro
ke la vivo nia estas
amindumo, ĝuo, gloro.

MALJUNULARA

Pace vivi; per laboro
horojn milde konsumadi;
de neniu rimarkite
hejmajn ĝuojn kunvivadi.
Ĝoji ĉe najbara gloro
kunsuferi ĉe doloro;
legi, preĝi, promenadi
kaj ricevi plej bonkore
kaj la gajajn sciigojn
kaj la tristajn kaj fatalajn.
Ĉiam teni je memoro
ke la homoj ne anĝelas,
ke la horoj por bonfari
flugas ĉiam sen reveno
kaj ke fine nia korpo
**forputrados sub la tero.**

## deziras korespondi...

POLLANDO. — Poznan, ul. Poznanska 35 m 2. S-ino. Stanislawa Spiewak, deziras korespondi kun hispana esperantistino por interŝanĝi bildkartojn, popolaj pupetojn, ktp.

HISPANUJO. — Josefo Masias Sala — Apartado 97 — GERONA, deziras korespondi kun samidean-in-oj el tuta la mondo por ŝanĝi poŝtmarkojn.

## NEKROLOGO

Post longa malsano forpasis en Barcelona la 19-an de oktobro nia kara samideano —membro de la H. E. F.— S-ro. Jaime Mayolas Santigosa.

Pacan ripozon por li!!!

Al lia familio la esprimon de nia plej sincera kondolenco.

# PRIMERA ASAMBLEA PROVINCIAL ESPERANTISTA EN GERONA

El pasado día 31 de octubre, se celebró en Gerona la «I Asamblea Provincial Esperantista», organizada por tres socios de la H. E. F., con el fin de ponernos en contacto todos los esperantistas de esta provincia, ya que la mayoría de nosotros no nos conocíamos. Esto fue lo que en un principio nos propusimos, si bien, a medida que fuimos avanzando en la organización de esta Asamblea, fue cambiando la idea de hacer un acto puramente provincial, hasta que podríamos decir que nos salió una Asamblea «mini-nacional», pues además de la señorita Inés Gastón, que tuvo la gentileza de venir desde Zaragoza, asistieron samideanos de Valencia, Reus, Cervera, Tarrasa, Sabadell, Calella, Barcelona y otros varios pueblos de esta provincia.

La parte cutural de la Asamblea tuvo lugar en la «Casa de la Cultura Obispo Lorenzana», de esta ciudad, en una sala exprofesa para conferencias, cedida desinteresadamente por la Excma. Diputación Provincial.

A las 7 de la tarde, el señor Juan Busquets, en nombre de los organizadores, y bajo la presidencia de la señorita Inés Gastón, de don Giordano Moya y de don Salvador Gumá, inauguró la Asamblea con la lectura de una carta recibida de nuestro Presidente, Dr. D. Miguel Sancho Izquierdo, con los mejores deseos de éxito, a la vez que lamentaba no poder asistir, pero delegando su representación en la persona de la señorita Inés, que, como dice en la carta, tan bien representa a la Federación toda. Después, el señor Busquets expresó, con emotivas palabras, el agradecimiento hacia la Federación, por el apoyo recibido, y hacia todos los asistentes por acompañarnos en tal acto.

Seguidamente, el señor Giordano Moya, de Tarrasa, habló en catalán y con elocuentes palabras, concisas, claras y sin floreos, dando a cada una su justo matiz, nos demostró de una manera tangible cómo el Esperanto, quizás más aún el espíritu esperantista aparece como un punto luminoso en medio del caos de incomprensión, de egoísmo e injusticias en que parece se halla sumergida la humanidad toda. Fue una brillante disertación que puso de relieve la bien merecida fama de excelente orador de que disfruta el señor Moya.

Después del señor Giordano Moya, hizo uso de la palabra la Secretaria de la H. E. F., señorita Inés Gastón. Esa excelente mujer que parece vivir nada más que para el Esperanto, que no sabe lo que es el cansancio cuando se trata de trabajar y colaborar en pro de nuestra Lengua Internacional, nos obsequió con una charla agradable, amena y sobre todo sencilla. Sencilla como su trato personal, afable y sincero. Un amigo mío que asistió a las conferencias, pero que no es esperantista, me decía dos o tres días después: «Al escuchar a aquella señora me entraron ganas de aprender el Esperanto», y es que, diríamos, que sin darse cuenta, sin proponérselo, nos demostró la necesidad que es hoy en día el conocimiento de la Lengua del Dr. Zamenhof.

La tercera charla corrió a cargo del señor Salvador Gumá, de Reus, que nos sorprendió a todos los que no le conocíamos, por su perfecta dicción del Esperanto, por la fluidez y facilidad con que lo habla y, especialmente, por el fondo ameno y divertido que supo dar a sus palabras. El señor Gumá nos obsequió con un repertorio de anécdotas, muy graciosas por cierto, fruto de su contacto personal con esperantistas de los más diversos países. Fue, para muchos de los que nos hallábamos presentes, una verdadera lección de Esperanto.

Completó el acto una proyección de diapositivas en color, sobre diversos Congresos Universales, cedidas amablemente para este acto, por el Dr. D. Miguel Sancho Izquierdo, y comentadas por la señorita Inés. Si la mayoría de ellas eran de excelente calidad artística, y por demás interesantes por los temos que mostraban, de una manera muy particular las del Japón y las de Polonia, hubo algunas que nos emocionaron. Fueron éstas las que presentaban la ofrenda de flores a la tumba del Dr. Zamenhof, en el transcurso del Congreso Universal celebrado en Varsovia, las cuales nos dejaron la nostalgia de la ausencia y el deseo vehemente de asistir a estos congresos.

Una larga salva de aplausos exteriorizó el beneplácito y satisfacción de los asistentes que llenaban por completo la sala.

Terminado este acto en la Casa de la Cultura, un nutrido grupo de asistentes se dirigió a un típico restaurante de las afueras de la ciudad, donde tuvo lugar la «Frateca Vespermanĝo». Fue sencillamente esto, una agradable cena de hermandad, entre personas que, unas horas antes no nos conocíamos, pero que a todos nos unía un mismo sentir, un mismo ideal y un gran amor a la obra que nos legó el Dr. Zamenhof.

En el transcurso de la cena se leyó un telegrama, acabado de recibir, de la Junta del «Grupo Esperantista FRATECO», deseándonos mucho éxito en la primera asamblea. Todos nos sentimos muy honrados por esta delicada atención, que confirma una vez más el sentimiento de hermandad que reina entre los Esperantistas.

Finalmente se dio por terminada la I Asamblea Provincial con el canto de nuestro himno «LA ESPERO», y con los deseos fervientes de volvernos a reunir pronto y vernos otra vez en el Congreso Mundial en Madrid.

Esta Asamblea no ha tenido la brillantez de una organización perfecta, sino que los propios organizadores nos hemos dado cuenta que ha sido una combinación de improvisación, aciertos y desaciertos, pero llevada a término, eso sí, con la gran ilusión y el convencimiento de que no íbamos a cosechar un éxito, sino a plantar una semilla, la cual, antes de darnos fruto nos ha de dar mucho trabajo. Ahora, después de esta reunión, aunque hemos de lamentar que, por coincidencias en la fecha de celebración, no pudiera asistir nuestro Presidente, Dr. Sancho Izquierdo, cuya presencia tanto nos hubiera honrado, hemos podido apreciar que no estamos solos y que cuando un Grupo necesita ayuda, los demás esperantistas saben darle la mano. Esto anima y reconforta.

A todos los que nos acompañaron con su presencia, a todos los que hubieran querido asistir pero que por causas diversas no pudieron, a todos los que por escrito o de corazón nos han deseado éxito... ¡MUCHAS GRACIAS! Si algo nos salió bien, a vosotros lo debemos.

*JOSE MASIAS SALA*

---

# GRAMATIKA ANGULO

## KOMENTARIO PRI «VOJAĜO INTER LA TEMPOJ» (K. Kalocsay-Stafeto)

Scivoleme kaj plezure mi foliumis ĉi tiun vastan verkon. En ĝi, sur la 39ª paĝo (lin. 19ª kaj postaj) oní asertas ke «la gramatika *estanta-tempo*, la prezenco, ne estas sendimensia punkto sur la tempolinio».

Mi ankaŭ tiel juĝas la aferon.

En nia hispana lingvo (Akademia gramatiko, 1924) ni havas du prezencojn: La unua, kiun mi nomus imperfekta, estas la akademie nomata prezenco («presente»): «Canto» (Mi kantas). La dua, kiun mi nomus perfekta, estas la akademie nomata perfekta preterito («pretérito perfecto»): «He mirado» (Mi estas rigardinta).

En Aragono almenaŭ, oni distingas tre precize ĉi tiujn du prezencojn. Sed: Kio estas la prezenco?

Kiel Kalocsay diras (paĝ. 40, lin. 5-7): «Alivorte: *Havas* signas ne la nunpunkton, sed pli-malpli longan tempolinion konsistantan el serio da punktoj. Tiu linio (mi prefere dirus liniero) estas mikso el preterito kaj futuro.»

En hispana lingvo ĉi tiu liniero (la prezenco) estas la tago, semajno, monato, jaro, jarcento, jarmilo, erao aŭ pli longa tempo kiu *kiam ni parolas* jam komenciĝis sed ne finiĝis:

La imperfekta prezenco estas uzata rilate al aferoj okazantaj en ankoraŭ

daŭranta tempospaco: «Estoy contando (cuento) el caso» (Mi estas rakontanta (rakontas) (rakontadas) la aferon): Ankoraŭ ne finiĝis la *ago* (rakonti) nek la tempospaco dum kiu mi ĝin *rakontas* (tago, semajno...).

La perfektan prezencon ni uzas parolante pri jam finiĝitaj *agoj* (rakonti) kaj kies rakontado okazas dum la nuna tempospaco: «Les he contado el caso» (Mi estas rakontinta al ili la aferon). En ĉi tiu lasta okazo, bedaŭrinde, multaj novkastiljanoj erare dirus: «Les *conté* el caso.»

Mi tute ne konsentas kun la stranga diro de Kalocsay (paĝ. 40, lin. 21-22): «La prezenco do ne estas tempo, sed aspekto: aspekto de komenciteco-nefiniteco.» Miaopinie, ĉi tiu «aspekto» estas ĝuste tempo, la prezenca tempo: Tempospaco *de dirado*, kiu komenciĝis sed ankoraŭ ne finiĝis.

Mia demando estas: Ĉu oni rajtas traduki la hispanan «he dicho» per la simpla preterito «mi diris» (kiu respondas al la hispana «dije»)?

Ĉu oni devas uzi la perfektan prezencon «mi estas dirinta»?

Oni tamen notu ke en la hipsana lingvo la pasintaj ĉi mateno, horo, minuto, sekundo... de la nuna tago apartenas al imperfekto kvankam ili jam forpasis: «a las cinco de la mañana *he llamado* al médico» (la kvinan matene mi *alvokis* la kuraciston?) aŭ mi *estas alvokinta*?

En la hispana lingvo, uzante «he llamado» (mi estas alvokinta), oni ne devas klarigi la *agtempon* per «de hoy» (hodiaŭan), ĉar se la alvoko estus okazinta en antaŭa tempospaco, mi estus dirinta simple «llamé» (mi alvokis). Do, alia demando: En ĉi tiaj lastaj okazoj, ĉu oni devas sekvi la hispanan (aragonan) regulon?

La klarigoj pri «serĉi» kaj «trovi» (kompletiva paro) (paĝ. 40, lin, 15 kaj postaj), kondukas al Kalocsay al aserto (paĝ. 41, lin. 18 kaj postaj): «ekzistas nur du efektivaj tempoj: futuro kaj preterito».

Ĉi tiu aserto estus certa se la gramatika (viva) tempo estus matematikaĵo. Sed, kiel mi diris (pli ĝuste: *estas dirinta*), almenaŭ en la hispanaj vivo kaj gramatiko, ekzistas du prezencoj: La imperfekta (hispana «presente») kaj la perfekta (hispana «pretérito perfecto») kaj ĉi tiuj du prezencoj povas aparteni kaj al la *ago* kaj al la *diro*. Bedaŭrinde, la hispana Akademio, atentante nur la participon («llamado» = alkovinta), nomas «pretérito» tute prezencan tempon, kiel malkovras la helpverbo («he» = estas).

Sur la 42 paĝo troviĝas la «kerno» de la afero (lin. 4 kaj postaj): «La prezenco esprimas *agon* kiu komenciĝis jam antaŭ la parolo kaj ankoraŭ ne finiĝis dum la parolo». La koncerna noto de Zamenhof «tempo estanta ekzistas nur kiam la ago aŭ stato daŭras sufiĉe», ankaŭ maltrafas la najlon.

La vortoj «gramatikaj tempoj» klare montras ke la klasigo de la gramatikaj formoj rilatas al la *agoj* dirataj kaj ĉefe al la *tempoj de dirado*; kaj la dirtempoj estas aŭ preteritaj (finiĝitaj tempospacoj) aŭ prezencaj (komenciĝitaj kaj ne finiĝitaj tempospacoj) aŭ futuraj (ankoraŭ ne komenciĝitaj tempospacoj). Hispanlingve (almenaŭ en Aragono) nepre kaj tute prave oni aplikas la imperfektan aŭ la perfektan prezencon. Kial ne fari la samon en Esperanto?

*E. MAYNAR*

---

## ✳ *Ni legis por vi...*

J. J. STURZENEGGER kaj H. MATZINGER: UNESTENO. Universala Esperanta Stenografio. *Eldonejo Mondo, Lernolibra Fako, Zürich, Svislando,* 1965. 294 *paĝoj (el kiuj la 8 lastaj en aldonita elprenebla kajero),* 15 x 21 *cm. Prezo de la volumo, bindita*: 71 *steloj.*

La vivo konsistas el aro da malhelpoj, kiujn oni devas venki. Antaŭ tiuj malhelpoj, la homo reagas inventante ilojn, kiuj faciligas la lukton kontraŭ tiuj baraĵoj. La sumo de tiuj faciligiloj kreitaj de la homo konsistigas la kulturon.

La esperantista kulturo —kaj sekve la tuthomara, el kiu Esperanto estas konsistiga ero— ĵus riĉiĝis per unu el tiuj faciligiloj, kiujn postulas la ĉiutage pli kaj pli nin rapidiganta ĉirkaŭmondo: stenografio propra. La amo al Esperanto de nia samideano Sturzenegger, apogita sur lia faka kompetento kaj tiu de S-ro. Matzinger pri stenografio, donis al ni la kape priskribitan libron, kiu aldone estas unu el la plej belaj iam ajn produktitaj en Esperantujo. Per ĝi, krome, debutas en la Movado nova eldonejo, sidanta en Svislando. Se mi aldonas, ke la libro estas originale verkita en Esperanto kaj aperas sub la aŭs-

picio de UEA kaj de Instituto por Esperanto en Komerco kaj Industrio, mi certe apenaŭ povus aldoni aliajn eksterajn rekomendojn.

Pri la enhavo mi estas tute laika; sed se juĝi laŭ voĉo de fakuloj, ankaŭ el faka vidpunkto temas pri vere atentinda kontribuo ne nur al la Esperanta, sed ankaŭ al la ĝenerala stenografio. La libro estas fundamente orientita al memistruado, kaj tio estas alia ĝia elstaraĵo, ĉar ordinare stenografiaj lernolibroj estas aranĝitaj por klasĉambroj. Tiel, post 24-paĝa sojlo kun glosaro kaj skribteĥnikaj instrukcioj, venas la unua el la du ĉefaj partoj, kiuj konsistigas la metodon, nome *Koresponda Skribo*, tra 61 ĉapitroj, el kiuj la 41 lastaj estas perfektigaj; tuj sekvas la dua parto, *Rapida Skribo*, kiu ampleksas 67 ĉapitrojn. El pedagogia vidpunkto la libro ŝajnas al mi ja eminenta (mia laikeco devigas min uzi la vorton *ŝajnas*), ĉar ĝi adaptiĝas al la 3-ŝtupa lernoprocezo de Pestalozzi: *rigardi - pensi - agi*, kaj estas aldone aranĝita laŭ la metodo de *programita instruado* kaj laŭ la principo *de la facila al la malfacila*.

Laŭ mia kompreno, Universala Esperanta Stenografio (UNESTENO) estas misia laboro, kiu pioniras preskaŭ virgan kampon de nia propra kulturo. Kiam mi montris la libron en mia Universitato al homoj kun tiufakaj interesoj, ili ĝin admiris kaj laŭdis, sed ne malĉefe impresis ilin, ke Esperantujo estas tiel fortika kaj serioza «lando», ke ĝi povas aldoni al la faka literaturo stenografia tian produkton. Sekve do mi povas aserti, ke la libro *UNESTENO* estas bela rezultaĵo de ama krea laboro plenumita de du kompetentaj spertuloj, kiuj, per ĝi, digne aŭtoritatigis nian Movadon en la monda kadro de la stenografia didaktiko. Al ĉiuj esperantistoj, sed ĉefe al interesitoj pri rapidskribado, mi povas nur rekomendi la libron per duonparafrazo el vortoj de la frumezepoka romhispana klasikulo Isidoro el Seviljo: *Sunt hic multa bona: tolle, lege!*

La Laguna, sept. 1967.

*J. REGULO*

LEXICON SOPENA

*Diccionario de bolsillo Esperanto-Español, Español-Esperanto. 25.000 voces, 45.000 acepciones, 384 páginas, con gramática ampliada, por J. Paluzie Borrell.*

Unuafoje en la historio de Esperanto en Hispanujo ni havas vere praktikan, poŝporteblan vortaron, malgrandan laŭ formato, grandan laŭ enhavo, tra kiu sentiĝas la kompetenteco de lerta mano, kiu videble preferas ne apartiĝi de la fundamentaj vortoj.

La libro prezentas unue detalan Esperantan Gramatikon. Laŭdinda estas la maniero, kiel la aŭtoro eksplikas la litersonojn, evitante la «proksimumajn», kiuj plej ofte nur erarigas. Pri landnomoj li strikte skribas: Hispano, Hispanujo aŭ Hispanlando, kaj inverse: Peruo, Peruano, eĉ ne menciante la neoficialan io-formon, kiu malgraŭ ies ŝato, nenion solvas, nenion pliklarigas kaj fine rezultas peza pro sia ofteco. Sub litero A mi trovis 120 vortojn finiĝantajn per io!

Tamen ne ĉio estas perfekta. Mi citas nur por korekto preseraroj, kiuj povas dubigi la studanton: «Donu po tri pomojn (pomoj) al ĉiu.» p. 12. «De kiam li ne laboras?» Desde cuándo no trabajas (trabaja)»? p. 13. «Li ne ŝajnis la sama». No parece (parecía el mismo. p. 16. «Le (la) mortinto» p. 20. «La kato ne (manĝas) —o nek— trinkas». El gato no come ni bebe» p. 20. «a) *de o por* indicado (indicando) el agente» p. 24. «(de ese, (de) aquel» p. 30. «Kial vi (ne) venis», ¿Por qué no viniste? p. 34.

Ankaŭ pluraj gramatikaĵoj bezonas pritrakton:

1. «En la monato de majo» p. 24. La apozicio en Esperanto estas senpera, senprepozicia eĉ se la substantivoj estas monatoj, urboj aŭ jaroj: La monato majo, la urbo Romo, la jaro 1967a.

2. Pri la konjunkcioj ĉu... ĉu, jen... jen estas avertinde, ke ili ne estas egalaj. La unuaj esprimas dubon, necertecon, kaj la duaj signifas iufoje, alifoje: Ĉu pro timo, ĉu pro fiereco li nenion respondis (= ya... ya). Jen marŝante, jen kurante li venis al la domo (= ora... ora).

3. «Donu al ĉiu la sian» estas tradukita «A cada uno dale lo suyo», sed pli facile oni tradukus «A cada uno dale el suyo» laŭ la bona ekzemplo de p. 15: «jen mia mono; nun pagu la vian» = = Ahora paga *el* tuyo. Bedaŭrinde same kiel Duyos kaj Inglada, en Curso Práctico, ankaŭ Paluzie preterlasis la hisp. artikolon LO, kies traduko ne montriĝas simpla.

Ĉar en la praktiko oni konsideras viraj la iu-vortojn, ni devus traduki «Donu al ĉiu la lian» (= el suyo) kaj «Donu al ĉiu tion lian» = «Donu al ĉiu lian apartenaĵon» = ties apartenaĵon (= lo suyo). Pri tiu *sia* ni devas aldiri, ke se

iu (tria persono) donis al vi propran libron, ni povas rakonti ke tiu donis al vi Sian libron; sed se ni poste ordonas la redonon al tiu, ni ne povas diri Redonu al tiu Sian libron, sed Ties libron ĉar strikte TIU estas neŭtra kaj tial ne taŭgas LIA nek ŜIA. Efektive, TIES = = de tiu(j).

4. Bonan regulon ni trovas usr p. 32, sed misaplikon sur p. 28: «Oni punas, KIUN protestas».

5. Malklara ekzemplo, tiu de p. 34 pri la nun laŭmoda TIES: «La maristoj vidis siajn fianĉinojn sidantajn kun iliaj gepatroj kaj ties amikoj» = Los marineros vieron a sus novias sentadas con sus padres y sus amigos». En dekdu vortoj, kvar persongrupoj! Kies gepatroj ili estas? La aŭtoro diras: de la fianĉinoj. Mi dirus, de la maristoj. Vidu: Fianĉino kiu sidas kun sia patro, estas fianĉino sidanta kun sia patro; tial vidante ŝin ni diras: Ni vidas fianĉinon sidantan kun sia patro.

6. Ni ne konsentas pri la difino de verbotempoj, p. 18. Certe, «El Presente indica que la acción ocurre en el momento de hablar»; tial, ago prezenca estas tiu okazanta, ne atinginta sian tutan plenumiĝon, laŭ la ekzemplo de p. 19: «Ŝi estis frizata kiam ŝi svenis» (= komencita, kaj ne finita); sed kio okazas se la ago atingas sian finon, sian rezulton, tutan plenumiĝon? La ago ne estas prezenca eĉ malgraŭ la momento pri kiu oni parolas! La frazo «Mi pagis mian ŝuldon hieraŭ», pasive estas «Mia ŝuldo estis pagita hieraŭ». Ni ne povas diri pagata ĉar ago prezenca estas tia nur se ĝi ne atingas sian finon, t. e. hispane (laŭ formulo nun en modo) «Estaba siendo pagada», kio neniel signifas, ke mia ŝuldo rezultis pagita ĉar eble, en la banko, apudgiĉeta staranto svingis la manon, prenis la monon kaj forpafis sin. Tiuj sufiksoj nomataj participoj esprimas do ne la tempojn sed la plenumofazojn de la agoj, kun la natura sekvo ke tempo kaj plenumofazoj plej ofte koincidas; la vortoj *estis*, *estas*, *estos*, diras al ni en kiu tempo, kaj troviĝas absolute nenio en la frazo «La ŝuldo estis pagita hieraŭ», kio komprenigas ke oni pagis pli frue ol hieraŭ. Ĝi konsistas el kvin vortoj, sendependaj, kaj la apudmeto de du el ili, nome *estis pagita* ne rezultigas signifon de antaŭeco, kiun oni esprimas per konvena tempadjekto: jam, antaŭe, pli frue...

La Esperanta-Hispana vortaro estas tre vasta. La fundamentaj kaj oficialaj vortoj estas signitaj. La aŭtoro kompilis tre nombrajn fakvortojn pri Botaniko, Zoologio, k.a. Ankaŭ la tiel nomataj neologismoj estas abundaj, kio helpas la leganton kiu puŝiĝas kontraŭ ili dum legado. La Hispana-Esperanta estas pli konservativa, pli fundamentema, ekz. en la unua oni trovas AMARA, HASTI, MISKOMPRENO, dum en la dua la traduko estas MALDOLĈA, RAPIDI, FUŜKOMPRENO. Pli bone estus Malŝargi, Malŝarĝi, Malfaldi, Malvolvi, Blindumi, Ŝtonplato, ol Deŝargi, Deŝarĝi, Disfaldi, Disvolvi, Ekblindigi, Platŝtono (Losa). Laŭ Pl. V. Ladtondilo estas fortika tondilo por tranĉi ladon, kaj ne «Un abrelatas», kiu povus esti KLUPO (Registrita de Tudela).

Apud la Hisp. Abalorio devus esti ne nur Bido sed ankaŭ Bidaro. En Pl. V. Savia estas Limfo, ne Suko, kaj Terraja estas Ŝraŭbigilo, ne Ŝraŭbtornilo. Nek Elveturiĝi taŭgas por Salir, Apearse. *Pértiga* estas Longa Stango, jes, sed ne Longvergo. *Tardar* estas Malfrui, sed mankas la aliaj sencoj. *A medida que* povas esti Laŭmezure kiel, kaj ankaŭ Laŭgrade kiel. La vorto Formalpaŝigi ne spegulas la malfacilan Tramitar. Ĉu Lanĉi ŝipon = Trempi? Esparto o Atocha devus esti Sparto laŭ la latina Spartum, kaj ne Esparto. Tamen, ALFO, estas tradukita Sparto. Ŝajnas do ke Alfo estas komuna nomo de gramenacoj, kies fibrojn uzas industrio, kaj inkluzivas ankaŭ Sparton aŭ Stipon (Pl. V.) (el la scienca nomo Stipa Tenacissima).

Aulaga o Aliaga, latine Ulex, en Pl. V. ULEKSO, estas tradukita Genisto laŭ la scienca nomo (Genista Scorpius) inkluzivanta plurajn el la sama familio. (Retama de tintoreros = Genista tinctoria). Fine ni scias, ke Retama de Olor o Gayomba (fr. génêt, kat. ginesta) estas SPARTIO (science: Spartium Junceum) kaj ne enisto.

Mankas interjekcioj kiel HO kaj Hop! Vane mi serĉis la tradukon de la hispanaj (pieza de trapo con ingrediente), Dispositivo (un), Liberada (una acción), Fotogénico, Despachar (asuntos), Chulo (un), Clausura (monja de).

Inter ambaŭ vortaroj troviĝas ses tre interesaj paĝoj da nomoj bibliaj, mitologiaj, historiaj, geografiaj, kiujn ni ŝatus multe pli nombraj.

Resume, miaj atentigoj absolute ne senmeritigas la verkon, kies novan eldonon mi volus baldaŭ korektitan kaj kompletigitan.

*SALVADOR GUMA*

# OFICIALA KOMUNIKAĴO DE LA AKADEMIO



Petite de la Germana Esperanto-Asocio (DEB) «solvi la problemon de la pasivaj participoj laŭ Zamenhof», kaj de la unuanima Komitato de UEA «kiel eble plej baldaŭ» difini tiun solvon;

samtempe konsultite de la Unuiĝo Franca por Esperanto (UEF) kaj de la Esperanto-Unuiĝo de Germanaj Instruistoj (EUGI) pri la ĝusta senco de kvar tipaj frazoj, kiaj povas troviĝi en diplomatia, jura aŭ politika dokumento, nome:

1. «Ni garantias, ke la domoj detruitaj dum la milito estos rekonstruataj en 1970» = do la garantiantoj estos kvitaj:
   A) se en la daŭro de 1970 oni komencos kaj daŭrigos la rekonstruadon;
   B) nur se en la daŭro de 1970 oni finos la rekonstruadon.
2. «Mi promesas, ke mia ŝuldo estos pagita la 9-an de Majo» =
   A) la ŝuldanto senŝuldiĝos la 9-an de Majo;
   B) la ŝuldanto senŝuldiĝos plej malfrue la 8-an de Majo.
3. «Ni asertas, ke la aŭtomobilo de sro X estis efektive riparata la lastan semajnon» =
   A) la lastan semajnon oni efektive okupiĝis pri la riparado de la aŭto;
   B) la lastan semajnon oni efektive finis la riparadon.
4. «Via propono estis unuanime akceptita la 3-an de Junio» =
   A) oni akceptis la proponon la 3-an de Junio;
   B) oni akceptis la proponon antaŭ la 3-an de Junio.

La Akademio, per 26 voĉoj el 31 voĉdonintoj (kaj 6 kromaj blankaj voĉdoniloj) decidis kaj deklaras, ke en ĉiu el tiuj frazoj nur la senco A estas konforma al la tradicia lingvouzo de Zamenhof, kaj ke ĉia alispeca interpreto estas neoficiala. Tiu decido cetere nur konfirmas kaj kompletigas la rezulton de la voĉdono farita de la Akademio en Julio 1965 pri la senco de la pasivaj participoj en la Fundamento.

Ĉia eblo de dusenceco en la uzo de tiuj participoj estas do forigita per ĉi tiu decido kaj ni esperas, ke la aŭtoroj de lernolibroj de nun konsideros la ĉisuprajn modelajn frazojn en la senco aprobita de la Akademio.

La 25-an de Novembro 1967.

G. Waringhien, *Presidanto*
P. Neergaard, *Vicprezidantoj*
A. D. Atanasov, *Vicprezidantoj*
R. Bernard, *Sekretario*
D. B. Gregor, *Direktoro de la Gramatika Sekcio*

# UNESKO - NOVAĴOJ

## RAJTOJ DE LINGVAJ MALPLIMULTOJ

Pli ol 40 delegitoj de 17 landoj partoprenis la Eŭropan Konferencon pri Lingvaj Malplimultoj, kiu okazis en Oslo dum aŭgusto. Inter la nacimalplimultaj lingvoj reprezentitaj estis la bretona, la lapona, la makedona kaj la kimra.

En sia inaŭgura parolado s-ro Kjell Bondevik, la norvega Ministro pri Ekleziaj aferoj kaj Edukado, diris, ke ne sufiĉas nur toleri lingvajn malplimultojn, sed necesas doni al ili juran rajton je respekto. Alia parolanto, prof. Magne Oftedal, atentigis, ke la amaskomunikiloj kaj la hodiaŭa distraĵa industrio minacas eĉ la ekziston mem de la lingvaj malplimultoj.

## KONFERENCO DE U. N. PRI HOMAJ RAJTOJ

Internacia Konferenco pri Homaj Rajtoj okazos en Teherano en 1968 (Jaro de Homaj Rajtoj) sub aŭspicio de Unuiĝintaj Nacioj. Ĝia celo estas: konsideri la progresojn faritajn sur la kampo de Homaj Rajtoj) dum la pasintaj 20 jaroj kaj pesi la efikecon de la metodoj aplicataj de Unuiĝintaj Nacioj en tiu sfero.
(Laŭ Unesco Features kaj Informa Servo de UEA.)




# 53ª Universala Kongreso de Esperanto

Okazonta en Madrid de la 3ª ĝis la 10ª, VIII, 1968
Sub la Alta Protektado de Lia Ekscelenca Moŝto
Ĉefgeneralo Franco, Ŝtatestro de Hispanujo

Konstanta adreso:
Nieuwe Binnenweg 176
ROTTERDAM - 2 (Nederlando)

Poŝtkesto 19039
MADRID (Hispanujo)

## Ĝeneralaj Informoj

ALIĜOJ:

La aliĝantoj sendu la aliĝilon kaj la koncernan pagon al la sama adreso (ne, ekz., la aliĝilon al Peranto kaj la pagon al la adreso de la Kongreso, aŭ inverse). *La aliĝiloj devas esti klare skribitaj, por ke la mencio en la Kongresa Libro estu senerara.*

KIEL PAGI:

1. Pere de la Oficialaj Perantoj de la Kongreso, kies listo aperas en la unua bulteno.
2. Rekte al la konstanta adreso de la U.K. (Poŝtĉekkonto N. 627337 *aŭ* Amsterdam-Rotterdam Bank, Rotterdam. Konto no. 690.144.)
3. *Hispanaj aliĝantoj* povas sendi la aliĝilon al: 53-a Universala Kongreso de Esperanto, Poŝtkesto Nr. 19039, Madrid —kaj la koncernan kotizon al: Banko Bilbao, Agencia -0-15, Avno. General Mola 267, Madrid-16, je la nomo de 53-a Esperanto-Kongreso, Konto N. 3.472.

KOTIZO:

La kotizo inkluzivas la tutan programon de la Kongreso, escepte de la ekskursoj kaj bankedo, kaj la rajton utiligi la Loĝigan Servon de la Kongreso. La kotizo devas esti antaŭpagita, kaj ne estas repagebla, eĉ se la aliĝinto ne partoprenos en la Kongreso. Persono kiu pagas la aliĝkotizon por alia, antaŭvidu tion.

Neniu aliĝilo estos traktita antaŭ ricevo de la koncerna pago.

RABATOJ:

1. Individua membro de U.E.A., kiu ricevas la Jarlibron kaj la Revuon «Esperanto», *rajtas rabaton de* 20,— *ned, gld.* (330,— *pes.*);
2. Individua membro de U.E.A., kiu ricevas nur la Jarlibron, *rajtas rabaton de* 10,— *ned. gld.* (165,— *pes.*);
3. Edz(in)o de individua membro (de ambaŭ kategorioj) *rajtas rabaton de* 5,— *ned. gld.* (82,50 *pes.*).

La rabatoj ne validas por aliaj familianoj, gejunuloj, studentoj, blinduloj.

N. B.

Kongresano (ne edz-in-o kaj alia kategorio), kiu pagas la plenan kotizon, *ricevas la Revuon «Esperanto» dum la tuta kongresa jaro.*

DONACOJ:

La donacoj montras la solidarecon de la esperantistoj.

Oni povas sendi donacojn por la jenaj celoj:

*Literatura Kaso*: Ĝi kontribuas al la valoro de la premioj por la Belarta Konkurso.

*Adopta Kaso*: Ĝin utiligas la Blindula Kongreso.

*Blindula Kaso*: Per ĝi estas helpataj esperantistoj en landoj, kie la transsendo de mono estas malfacila aŭ malpermesita.

*Adoptaj Gepatroj*: Per tiu ĉi Fondaĵo estas helpataj infanoj, kiuj alimaniere ne povus partopreni en la Infana Kongreseto. La minimuma kontribuo estas 30,— ned. gld.

TIP. C. BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7.-ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63